# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 55 (2) MARTO - APRILO/87

E S T R A R O   D E   A. E. A.

Prezidanto: S-ro Santiago Mulas
Vioprezidanto: S-ro Adonis Gonzáles
Sekretario: S-ro Julio Argüelles
Kontistino F-ino Mª Carmen Junco
Kasisto: S-ro Ildefonso Domíngues
Bibliotekisto: S-ro J.M.Rguez. Felgueres
Gekomitatanoj:
F-ino Pilar Alonso
F-ino Mª Jesús F. Luiña
S-ro Luis Muñiz
S-ro Faustino Castaño
S-ro Antonio Román

A D R E S O   D E   A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918   33206 - GIJON

- - - - - - - - -

E N H A V O




Depósito legal n-ro 0/319/85

SUKCESA LABORO...

Vi konstatos, kara leganto, ke per konstanta,racia kaj diligenta laborado oni nepre atingas sukcesojn. En nia hodiaŭa numero Vi legos pri diversaj interesaj novaĵoj,kiuj grave pliriĉigas la Esperanto-Movadon precize en la Jubilea Jaro.

Nu,sciu ke ja ĉio fontas el nia senlaca laborado tiucele. Ja ni plenumas niajn proprajn konsilojn. Do, kara leganto,estu konscia pri tio ke, laŭ ni jam plurfoje asertis, oni devas, kaj des pli ni, kiuj nin mem konsideras veraj esperantistoj, konscie kaj plene,ĉiu laŭ siaj kapabloj, uzi Esperanton kaj ĉiam kiam eble propagandi ĝin en ĉiaj adekvataj medioj, ĉefe en tiaj, kiaj mem kapablas disradii Esperanton propagandcele.

Sed ne forgesu, kara leganto, ke ja oni ĝenerale akceptas kaj aprecas ĉiajn varojn laŭ ties kvalitoj kaj,ĉefe,laŭ la varbkapabloj de tiuj personoj, kiuj la koncernajn varojn proponas.

Do, ek al la laboro !

ADONIS

# NIA ANTENO

Hodiaŭ ni disponas se ne abundan, almenaŭ sufiĉan kvanton da interesaj kaj kontentigaj novaĵoj por plenigi ĉi tiun rubrikon.



«Jorgos», el esperanto como lema CITOULA
"Jorgos", Esperanto kiel devizo

Nu, ni parolu unue pri la vizito per kiu nin honoris, cetere ankaŭ nian urbon, Georges Comte, "Jorgos",kiu kune kun aliaj du gesamideanoj nian landon rondire biciklis plenumante la celon post tra biciklado de diversaj landoj atingi Varsovion en la monato Julio okaze la tiam okazonta Jubilea Kongreso de Esperanto. Ja ĉi tiuj gebiciklantoj esperas ke kiam ili atingu Varsovion, tiam jam la biciklanta teamo estu multe pli nombra pro la survoje aliĝintaj gesamideanoj.Tiel estu !

En nia urbo Jorgos-on akceptis, en la Urbodomo, ĉefa vic-urbestro,kiu subskribis atestilon pri la vizito de tiu,"kiu per Esperanto dissaltigas la lingvajn barojn kaj efektivigas gravan por-Pacan laboron" en-sia vojo al Varsovio.

Ankaŭ oni Jorgos-on intervjuis en la redaktejoj de la ĵurnaloj "EL COMERCIO", en Gijón, kaj "LA NUEVA ESPAÑA", en Oviedo. Ambaŭ ĵurnaloj aperigis fotografaĵojn pri li kune kun artikolo kie oni reliefigis la fakton ke li intencas entute plenumi 25.000 kilometrojn de biciklado ĝis la decembra monato, ĉar post Varsovio li intencas ankoraŭ rondire bicikli aliajn landojn.

Unuvorte kaj niaopinie Jorgos efike Esperanton propagandas, ĉar li efektivigas sian opinion ĉi rilate:"Anstataŭ realigi "renkontiĝoj"-n inter geesperantistoj, oni "renkontiĝu" kun la ekstermovadanoj kaj al ili montru la neanstataŭeblan taŭgecon de Esperanto por dissalti la "obstinajn barojn", kiuj lingve ĉirkaŭ premas la homaron.



El ciclista con esperantistas gijoneses CITOULA
La biciklanto kun gijonaj geesperantistoj

Pri la apero de la verko "ASTURA BUKEDO" , en la "Jubilea" serio "Hispana Literaturo", ni jam informis en la pasinta numero de nia "HELECO". Nu, kontentigan novaĵon konsistigas la oficiala pre

→

zentado de tiu verko en nia sidejo. Prezentado farita de la Oficiala Urba Kronikisto, S-ro. Patricio Adúriz, kiu art-lerte ĝin efektivigis samtempe reliefigante la gravecon de Esperanto por la internaciaj rektaj kontaktoj. Li rakontis anekdoton pri unu el liaj konatuloj, kiu povosciante diversajn lingvojn, inter kiuj la angla, nur per Esperanto li plensukcesadis siaj esplorlaboroj.



En Avilés okazis oficiala disdonado da Diplomoj atestantaj pri la sukceso de dekduo da gesamideanoj en la ekzamenoj por "Kapabla Esperantisto", el la tiuurba Esperanto-Grupo "Antaŭen !". Tiun ĉi akton prezidis S-ano Nikolás Muñiz, prezidanto de la koncerna E-Grupo "Antaŭen !". Ankaŭ tiun ĉi akton ĉeestis digna reprezentaro de nia Asocio, nome: niaj Prezidanto, S-ro.Santiago Mulas; Vic-prezidanto, S-ro. Adonis González kaj Sekretario, S-ro. Julio Argüelles.

La sukcesintaj gelernantoj ricevis krom la Diplomoj, ankaŭ specimenoj el diversaj Esperanto-gazetoj kaj -broŝuroj.



Ankaŭ la Regiona Astura Televizio nian Asocion honoris per invito ĉe la koncerna programo prezenti la eldoditan verkon "ASTURA BUKEDO". La prezentadon faris niaj s-anoj. Santiago Mulas kaj Adonis González, tiele kaj kvankam nur dum kelkaj minutoj, propagande Esperanton en momento kiam la TV-spektantaro estas sufiĉe ampleksa. Do, plia kontentiga novaĵo, ĉu ?



Dum la unuaj monatoj de la nuna Jubilea Jaro kaj kvazaŭ ornamo de niaj okazigitaj "Konversaciaj-Rondoj" ni projekciis diversajn filmojn pri kelkaj Universalaj Kongresoj per kiuj niaj gelernantoj konsciiĝis pri tio ke per Esperanto oni nenie estas "fremdulo".



Pri la en Madrido ĵus okazinta 47-a Hispana Kongreso de Esperanto, kiun partoprenis niaj Prezidanto kaj Sekretario, S-anoj Santiago kaj Julio, ni detale raportos en nia venonta numero.

A D O N I S



# La verda komisarejo



OFICIALA KOMUNIKO

La lingvopolica taĉmento "Verdastelo" daŭre agas en la persekutado de lingvoteroristoj, senlace kaj fruktodone; ŝed, bedaŭrinde, tiaj fiuloj ankoraŭ svarmas tra la pluraj distriktoj de Esperantujo. Membroj de la citita taĉmento arestis lastatempe kelkajn lingvodeliktulojn. Jen iliaj nomoj kaj fiagoj.

DISTRIKTO DE "SENNACIULO", n-ro 7 (974), Julio de 1.986

La t.n. KE, kiu tute senrajte proprigis al si la postenon de s-ro KIAM en la 24ª linio de la dua kolumno de la paĝo 66.

La t.n. INDIKIS, kiu uzurpas la rolon de s-ro INDIKITE en la 11ª kaj 12ª linioj sub "Lastaj informoj" en la 1ª kolumno de la paĝo 67.

La t.n. AL, kiu kontraŭleĝe anstataŭas s-ron EN en la 1ª linio sub la fotoj de la sama paĝo.

La t.n. IU, kiu aŭdacas sin ornami per la finaĵo "n" tute kontraŭleĝe en la 4ª linio sub "Klasmilito en Britio" en la 1ª kolumno de la paĝo 68.

La t.n. DIVERSAJ, KRISTANAJ kaj KREDOJ, kiuj aperas ĉiuj sen la deviga finaĵo "n" en la 44ª linio de la 1ª kolumno de la paĝo 69.

La t.n. MULTAJ kaj NEKREDANTOJ, kiuj aŭdacas paradi kun la finaĵo "n" en la supre cititaj linio, kolumno kaj paĝo.

La t.n. SAT-ANOJ, kiuj agas same en la 45ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. TROVAS, kiu ne kapablis klarigi la kialon de lia ĉeesto en la 47ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. U, al kiu okazis same en la 53ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

DISTRIKTO DE "ESPERANTO", n-ro 966 (6), Junio de 1.986

La t.n. DESKRIBO, kies identeco estas nekonata, kaj estis deĵoranta en la 22ª linio de la 2ª kolumno de la paĝo 105.

La t.n. NOMATA, kiu aŭdacas aperi ornamita per la finaĵo "n" tute senrajte en la 39ª linio de la 1ª kolumno de la paĝo 115.

DISTRIKTO DE "ESPERANTO", n-ro 969 (9), Septembro de 1.986

La t.n. LINGVIKAJ, kiu aperas en la 19ª linio de la 2ª kolumno de la paĝo 155 kaj kies identeco estas nekonata.

La t.n. TRUKIS, kiu ne kapablis klarigi, kion li faris en la 14ª linio de la 1ª kolumno de la paĝo 160.

Post unutaga restado en la PIV (Punaj Instalaĵoj por Vortfuŝistoj) kaj ricevinte po kvin batoj per la kvin pintoj de la verda stelo sur iliaj vertoj, ĉiuj tiuj arestitoj estis liberigitaj.

Esperburgo, en la 4ª de Aprilo de 1.987

LA ĈEFKOMISARO,

Al. ZIBJADES

# Niaj Geamikoj el....

## ...Bulgario

# Impresoj de Gijón

Jen, mia revo viziti la malproksiman kaj mirindan Hispanion efektiviĝis dank' al invito de mia bona korespondanto kaj amiko Julio Argüelles, sekretario de la esperantista societo en Gijón.

Post tri tagnokta veturado per la trajno mi alvenis Gijonon, laca, sed feliĉa.

Julio Argüelles atendis min en la stacidomo. Li manifestis grandan ĝentilecon kaj gastamon al mi(du semajnojn mi loĝis en lia domo).Li organizis riĉan programon pri trarigardo de la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj, kune



kun la prezidanto, Santiago Mulas, li organizis kelkajn interesajn kunvenojn-renkontojn kun geesperantistoj.

El la riĉeco de la faktoj kaj impresoj mi penos eltiri unuavice la precipon.

Multe min impresis la bela aspekto de Gijón (altaj malnovepokaj kaj modernaj konstruaĵoj, preĝejoj, ĝardenoj kun palmoj kaj verdaj arbustoj, strando kaj havenoj, la bela horizonto de la ĉarma Kantabra maro kaj najbaraj montetoj kovritaj de verdaĵo.

Tre plaĉis al mi la bela granda parko kun malgrandaj lagetoj kaj zoologia ĝardeno.

Interesan aspekton de kastelo — kun granda preĝejo kun alta sonoriloturo,kun bela ĝardeno kaj remparo al la ŝoseo havas la malnova universitato, kiu nun estas mezgrada profesia lernejo, en kiu lernas ĉirkaŭ 5.000 lernantoj de la tuta lando.

Kiel sur kinematografa bendo viciĝas antaŭ miaj okuloj, belaj neforgeseblaj pejzaĝoj preter la vojo al monaĥejo Kovadonga — historia por la hispana popolo, granda, bela — en la valo, ĉirkaŭita de altaj montopintoj. De tie la reĝo Pelajo, laŭ la legendo, kuraĝigita de la Virgulino de Kovadonga donis la unuan baton al la maŭroj kaj komencis liberigi Hispanion. Sur la montopinto, kie okazis la historia batalo kaj venko, oni vidas






grandan krucon.

Neforgeseblaj restas miaj ekskursoj sur la montetoj proksime de la urbo kun vidaĵoj de la havenoj, kiuj kunfandiĝas kun la maro kaj horizonto, ĉe la bordoj vidiĝas strandoj kaj vilaĝoj de fiŝkaptistoj.

Emociiginta estis la vizito ĉe mia korespondanto kaj amiko Adoñis González en la hospitalo en la urbo Oviedo. Feliĉe li revenis hejmen post unu semajno kaj ĉeestis la lastajn kunvenojn. Kun Julio mi vizitis lin hejmen.



Ni partoprenis vojaĝon ĝis la najbara urbo Avilés invitite de la prezidanto de la tiea esperantista societo, Nicolás (Nikolao) Muñiz, kiu mi parolis antaŭ geesperantistoj pri Bulgario kaj la Esperanto-movado en mia lando. Post la kunveno ĉiuj vizitis ekspozicion de 25 pentraĵoj de junaj bulgaraj pentristoj, kiu estis malkovrita de la bulgara ambasadoro kaj la kultura konsulo en Madrido, kun kiuj mi havis la eblecon paroli.

Samideano Chapuli, de Navia, intevjuis min kaj disaŭdigis la intervjuon per la loka radio.



Koraj estis la renkontiĝoj kun maljunaj geesperantistoj-instruistoj kaj la vizitado de la lecionoj en la infana esperantista kurso, gvidata de Julio.



La samideanoj Julio kaj Santiago organizis kelkajn kunvenojn-renkontiĝojn en Gijón, en kiuj mi koncize konatigis al la geesperantistoj mian landon, mian naskiĝurbon Gabrovo kaj Esperanto-movadon. Julio projekciis filmon pri la Universala Kongreso en Pekino kaj ekskurso en Sanhajo, Hongkongo k.a. urboj. En la lasta kunveno li projekciis filmon pri la Universala Kongreso en Varna (Bulgario) en 1.978. Mi disdonis martenicojn al la ĉeestantoj kaj rakontis pri la bulgara kutimo renkontiĝi monaton Marto (Avino Marta) ornamitaj per martenico por sano kaj feliĉo kaj ankaŭ rakontis la legendon pri martenico kaj adiaŭis kore la geesperantistojn.

Mi restis kun neforgeseblaj rememoroj kaj impresoj de la amika etoso de la geesperantistoj en Gijón kaj Avilés, de la gesamideanoj Julio, Adonis, Santiago, Pilar, María Angeles (kiu donacis al mi bulgara-rusan vortaron), samideanoj Nicolás de Avilés kaj Chapuli de Navia, al kiuj mi esprimas mian dankemon. Ankoraŭfoje mi dankas al mia korespondanto-amiko Julio, kiu multon faris por mia bona gastado en lia hejmo, por la renkontoj kaj ekskursoj.

Adiaŭ, karaj geamikoj !

Adiaŭ, Gijón !

Ĉu mi vidos vin denove...?

Gabrovo, 23.03.87

Bojana Prodanova

# POEZIA ANGULO

Se ĉiu unu floron plantus,
ĉiu homo sur ĉi ter',
kaj, anstataŭ pafi, dancus,
pagus per ridet', ne per moner';

Se ĉiu al alia varmon donus
kaj pri forto ne plu fanfaronus;

Se neniu plu alian pikus,
en mensogon ne plu sin implikus;

Se la oldaj iĝus kiel junaj,
ŝarĝoj portus strebadoj kunaj;

Se fareblus tiuj "se" precize,
ni ja ne jam vivus "paradize";

tamen, kion la milit-amoko
preskaŭ fuŝis, komenciĝus: hom'epoko !

Verkis: Peter Härtling

Sendis: Hilda Frigo el Belgio

# K A T J U Ŝ A

/ Ivan Karik /

En la aŭtuno griza
grizaj soldatoj,
plumbosimilaj,
trapasas denove
memorojn miajn.
Pezis la kaskoj,
pezis fusiloj,
pezis obusoj,
pezis la botoj...
Marŝis soldatoj -
pezis la vicoj...
Klare - la milito
ektedegis al ĉiuj!...

Kaj ektondris "Katjuŝa"! -
Kurbiĝis sentima,
kurbiĝis ribela.
Vulkano
de atendata mildeco
el la gorĝoj
eksplodis...
La vira, simpla kanteto
dispelis
la grizon
de la aŭtuno malvarma.
Ŝajnas ripozas
trankvila la tero:
finis la milito!...
Fino de la milito!...

Marŝis en la aŭtuno malvarma
soldatoj,
jam en kolonoj
rektaj kaj bravaj,
la simpla kanto
"Katjuŝa"
fluis...

Ah! Tiu "Katjuŝa"
ankoraŭ vivas,
trapasas
triumfa
memorojn miajn.
Filtriĝas
el ili
la plumbo!...

Tradukis el bulgara lingvo:

Sofia, 1984

LILIJA KOLEVA

# REGNOJ TAJFOJ KAJ POEZIO ARABA-ANDALUZA

Historie kaj politike, la plej granda malamiko de la arabaj popoloj estis, antikve kiel nuntempe: la dividiĝo, la interna malkonsento kiu de ĉiam ekzistis, kaj ankoraŭ ekzistas, inter tiu gento. Malfacile ili scias vivi pace, malfacile estas por ili la kunvivado...

Dum ilia okjarcenta restado en Hispanujo, la araboj, konis ambaŭ vizaĝojn de sama monero: dum la epoko de ilia unueco, ili estis nevenkeblaj, kaj al la fiero de ilia forto oni devis aldoni, la gloran brilon esti la plej selekta fokuso de la scienco kaj la scio de tiu epoko. La kalifejo de Kordovo, disradiis Civilizacion el kies esencoj sin-nutris la tiama Eŭropo por evolui kaj progresi memstare. Kiam la Kordovo Umaja renversiĝis, tiu mondo fragmentiĝis, kaj la rezulto estis la regnoj de tajfoj...

Tajfo, arabe, signifas ribelteritorion, nu tiuj tajfoj el Al Andalus estis, kiel -fantaziaj imitoj de etaj Bagdad-oj, regitaj de reĝetoj, kiuj apenaŭ pensis kiel administri siajn popolojn, kaj nur penis pri aliĝoj por sin defendi de la komuna malamiko, kaj de la propraj internaj perfidoj. Kaj ankaŭ kaj precipe kiel sin amuzi, kiel plej malavare kaj fantazie sin amuzi. Estis tiu, epoko de pompaj festenoj kaj orgioj palacaj en kiuj elstaris la poetoj. La kortego de tiuj ŝtatetoj, konkuris por akiri la plej bonajn - poetojn. La tajfo de la Seviljo de Mutamid (1.068 - 1.091) atingis kunigi en la urbo de rivero Guadalkivir eliton el la plej selektaj poetoj, kaj Mutamid mem ankaŭ estis unu - el kies poemoj hodiaŭ mi tradukis por vi:

## LA LILIO KAJ LA ROZO

Trinkas ruĝan vinon la rozo,
apud bonodora lilio,
preta en l'ektagiĝa horo
por amuza konversacio,
kiam vekiĝas la floroj
kaj ricevas la sunradiojn.

Sendube el brilĉielaj mamoj
ambaŭ suĉis ĝiajn esencojn:
la rozo trinkis ĝian sangon
kiel nektaro el pura mielo.
Trinkis plezure la lakton
lilio en la frumateno...

Estas ja du bonaj amikoj
kiuj plenumis sorton saman,
ambaŭ rabis al irisaj dioj
kromatan vest'universalan:

El kamforo, blankeca reĝo,
lilio rabis blank'senegalan;
El grenato, reĝ'el ruĝeco,
la rozo prenis ruĝon sangan.

L'unua estis, blankidolet'
en aroga elmontro vana.
L'alia, vangofrapita ruĝec'
kiel disiĝ'en maten'arda.

Aŭ, se vi tion preferas,
l'unua: arĝentaj tubetoj;
l'alia: braĝo ruĝintensa
kiun flamigis la vento
d'akcentoj vere vivegaj !

ABU BAKR MUHAMMAD
Ben al Qutiyya (XIa Jarc.)

Komentario kaj traduko de A.Marco Botella.

# Humuraĵoj

## STRANGULO

Sur strato staras viro,kiu fikse rigardas supren. Pluaj homoj haltas kaj rigardas supren tien,kien li. Post momento estas la strato plena da homoj. Alrapidas policano. "Kio okazas ĉi tie, kien vi rigardas malhelpante la trafikon ?" - li demandas severe la plej proksiman en la homamaso. "Mi ne scias kion ĉiuj rigardas, mi rigardas ankaŭ nur por ke mi tion sciu" - respondas la demandito. Fine la policano trovis la unuan, kiu ĉion komencis. Tiu ĉi diris: "Mi kulpas je nenio, mi havas la kapon levita, ĉar mia nazo eksangis.



## EN FREMDA LANDO

Vagulo foje vadis en fremda regiono. Estis forta vintro.Multaj hundoj kuris post li kaj bojadis. Li volis levi ŝtonon kaj per ĝi forpeli la hundojn. Sed la ŝtonoj alfrostiĝis firme al la tero. La vagulo kolere ekkriis: "Kia stranga lando ! Ĉi tie oni alligas ŝtonojn kaj hundojn lasas liberaj."

ADOLF POHANKA el BRNO
(Ĉeĥoslovakio)



*La Franca Esp.Grupo de EYSINES bezonas helpon de nia Samideanaro.*

*Post plurmonataj klopodoj ĉe la Urbestraro por ke EYSINES honoru ZAMENHOF, nia grupo sukcesis.*
*Okaze de la Jubileo, strato estos nomigita : "Rue de l'Espéranto".*

*Ni petas ke la geamikoj skribu, ĉu propranome, ĉu nome de la Esp-Grupo, gratulleteron ke ni donos al la Urbestraro, adresante ĝin al :*

*URBOKONSILIO D'EYSINES*
*Pere de Gisèle GIZARD*
*39, avenue de Saint Médard*

*33320 EYSINES*

*FRANCIO.*

*Kompreneble, ju pli da leteroj ni povos amase transdoni, des pli "imagfrapo" estos forta.*

*Ni antaŭdankas vin tutkore.*

# KUIRANTE KUN PILAR

## POMA SUPO

INGREDIENCOJ: 30 g. da butero.
1/4 l. da lakto.
2 kuleretoj da maiza faruno por fari la saŭcon.
750 g. da pomoj.
60 g. da sukero.
pinĉaĵo da cinamo.
akvo.
citronŝelo.
suko de duona citrono.

---

Fandu la buteron en kaserolo.

Miksu la maizan farunon kun la lakto kaj aldonu ĝin al la butero, kirlante bone, ĝis la miksaĵo kuiriĝas. Tenu ĝin varma.

Senŝeligu, senkorigu kaj tranĉu la pomojn.

Metu ilin en alian kaserolon kune kun cinamo, sukero, ŝelo kaj suko de citrono kaj akvo por kovri kaj kuiretu ĝis moleco.

Frotu tra kribrileto kaj aldonu la kaĉon al la varma saŭco, kirlante bone.

BONAN APETITON !

# DISTRAĴOJ

## *Supo de literoj*

```
A B I N E I C O
S O N O D N O L
O R A Ĥ E D I A
Z O N O T S A V
I S M E B A L I
R F L O N S Ĉ E
A I N T R I O N
P O K A N O M O
```

Tiu ĉi kvadrato plena de literoj enhavas ses nomojn de Eŭropaj ĉefurboj. Serĉu ilin !
Por la celo vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

**SOLVOJ AL LA ENIGMOJ APERINTAJ EN LA 53ª NUMERO DE "HELECO"**

**RADOENIGMO:**

I-II.-Grundo. II-III.-Galimatio. III-I.-Fosforo. 1-6.-Glaso. 7-2.-Konko. 5-10.- Feŭdo. 9-4.-Amiko. 8-3.-Rompi.

**KUBOMANIO:**

La petataj literoj estas: M, A, U kaj la vortoj kie ili ĉeestas: MARO, MURO, MAPO kaj POR.

**SUPO DE LITEROJ:**

```
P R A M I O D O
R O B H O R I Z
O S R A L I N E
U I [illegible] [illegible] I D A P
K R U C [illegible] E T A
R O Ĝ N O [illegible] L R
I K I I N G O T
C A N G U L O G
```

**SES DIFERENCOJ:**




## HELECO-ENIGMO

1 2 3 4 5 6 7 8 9 10 11 12 13 14 15 16 17




HORIZONTALE:

A) Kunordiga konjukcio montranta kontraŭecon, malsamecon aŭ diferencon inter tio, kio antaŭas kaj tio, kio sekvas kaj konsekvence servanta por esprimi limigan kondiĉon, eĉ ankaŭ surprizon aŭ nur simplan transiron al alia ideo. Adverbo montranta la superlativon kaj signifanta: en alta grado, forte. Kvar kaj tri.

B) Iri per movoj pli rapidaj ol marŝo. Manĝaĵo havanta aspekton de mola pasto kaj farita precipe el faruno miksita kun lakto aŭ legomoj longe kuiritaj kaj duonfluecigitaj per akvo. Esti en stato de korpa kaj spirita senaktiveco, kiu ordinare okazas dum ĉiu nokto kaj estas necesa por ripozigi la homojn kaj bestojn. Plej malalta vira voĉo.

C) Unuo de elektra rezistanco de kondukilo, kiu tralasas kurenton de unu ampero sub tensio de unu volto. Malsupera oficisto de preĝejo, universitato aŭ juĝejoj, kiu zorgas pri malgravaj materialaj taskoj. Senflugila parazita insekto. Prepozicio montranta: la kaŭzon, motivon de ago.

Ĉ) Persona nedifinita pronomo, signifanta: "la homoj; multaj aŭ kelkaj personoj". Narkota substanco, kvietiga laŭ malgrandaj dozoj, venena laŭ grandaj dozoj, kiun oni ekstraktas el suko de papavo. Diveno pri estonto, bazita sur flugado aŭ kantado de birdoj (en antikva Romo). Refaldita bordero ĉe tuko aŭ vesto. Ĉiu kombinaĵo de oksigeno kun alia elemento. Argileca mineralo konsistanta grandparte el ferika oksido aŭ ferika hidroksido kaj uzata kiel farbo. Pronomo de tria persono en singularo, por montri: —aĵon aŭ estulon kies sekso oni ne bezonas precizigi.

VERTIKALE:

1) Dekono de gramo. 2) Konformiĝi je tio, kion alia persono ordonas aŭ malpermesas. 3) Iom kava, plata, malprofunda vazo, el kiu oni manĝas. 4) Vegetalo el familio de kompozitoj, kies floro estas laneca kaj kreskas sur altaj montoj (=neĝfloro). 5) Kortbirdo el familio de kokoj (galinacoj) kun granda belkolora ventumilforma vosto kovrita per brilaj okulformaj makuloj. 6) Baldaŭ falonta, ruiniĝa. 7) Estaĵo de ido aska sekso. 8) Societo por defendi korporaciajn interesojn. 9) Membrano entenanta la intestojn. 10) Malprofunda senkovrila kaserolo kun longa tenilo, servanta por friti; fritilo. 11) Ĥemia elemento. Blanka metalo, kies atompezo estas 112,40, uzata pro alojoj kaj pro siaj saloj. 12) Lirika poemo, dividita en strofoj, ordinare similaj inter si. 13) Japana feŭda nobelo. 14) Fonto de elektra energio, uzanta la transformiĝon de la ĥemia energio. 15) Maniero laŭ kiu iu aŭ io moviĝas. 16) Ronda ventroforma ujo el lignaj kurbaj tabuletoj kunformigitaj per feraj aŭ lignaj ringoj kun du plataj fundoj, uzata por enteni vinon, akvon aŭ aliajn fluaĵojn. 17) Kolerigi aŭ ĉagreni iun malrespektante ties dignon.